Jaro III/VII. N-o 8 (32) Majo 1926

# Sennacieca Revuo

Monata Organo
de Sennacieca Asocio Tutmonda

Fondita en 1919

## Literaturo - Scienco - Pedagogio

### ENHAVO:



Redakcio: 1-a Tverskaja-Jamskaja, 35, kv. 5, Moskvo I (USSR)
Administracio: Rich. Lerchner, Colmstrasse 1, Leipzig O 27 (Germ.)

# REDAKCIA ANGULO

La unua de Majo 1886 jaro. Laborista demonstrado sur la stratoj de Chicago (Ĉikago). Sanga buĉado.

Tiam ekĝermis la ideo pri la unuamaja demonstrado ĉiujara de la laboristaj fortoj. Kaj en 1889-a jaro, ĉe la Konstituanta Kongreso de l'II-a Internacio (Paris) estis proklamita ĉiujara festenado de l'unuamaja tago en la skalo internacia.

Tiu tago ĉiujare devis aparteni al la laborularo. Plene. Sendivide.

Tiu tago ĉiujare devis demonstri la kreskon de proletaj fortoj.

Ĝi devis demonstri la internacian solidarecon de l'proletaro.

Ĝi estas festo — kaj tial ĝi plenas je ĝojaj laborkantoj.

La festo de laboro — kaj tial la arto kolektas por ĉi-tago la bildojn de laboro, kvazaŭ substrekante, evidentigante, reliefigante la belon kaj la ĝojon de laboro.

La demonstrado de la proleta forto kaj solidareco — kaj tial firmeco sonas en la kantoj, firmeco brilas en la rigardoj kaj iel amike, fratece kaj libere oni sin sentas, ŝultro ĉe ŝultro marŝante en la kolonoj de demonstrantoj.

Ĉu tion povas toleri la regantoj? Ju pli manifestiĝas la internacia forto kaj solidareco de proletaro — des pli klare ĉiam estas, ke la regantoj ne povas toleri. Ne, ne, milfoje ne!

Kaj la historio de l'Unuamajo konas multajn persekutojn, enkarcerigojn, maldungojn ... Ĝi estas same dolorplena, kiel la tuta vivo de laboristo.

Ĝojo de laboro, ĝoja antaŭsento de libera laboro kaj ... punaj katenoj, kaj puna senigo eĉ je la enkatena laboro ...

La regantoj timas la forton kreskantan kaj antaŭvenĝas sian iaman malvenkon ...

*

Pasis 40 jaroj.

La unua de Majo 1926.

Britia laboristaro proklamas ĝeneralan strikon. Jam kelkajn tagojn ĝi daŭras. Kaj pli ol iam manifestiĝas la forto de l'proletaro — ja ne ĝi estas la reganto de Britio — sed ĝi sukcesis firme haltigi la tutan vivon de l'imperiisma giganto. La lando estas paralizita, ĉar la laboristaro ne plu vivigas ĝin per sia laboro.

Kaj jen — reĝo, parlamento, uzinposedantoj — ili kiuj regas, administras kaj ordonas — la mastroj de l'vivo — ili estas senfortaj kun la tuta sia armeo, polico, strikrompantoj ktp. ktp. ... Ili estas senfortaj por vivigi la landon — ĉar la vera mastro, la vera potenco — la proletaro ekstrikis kaj ne plu laboras.

Daŭrigon vidu sur 3a paĝo de la kovrilo.



# LA VOJO AL FELIĈO

*M. GORKIJ*

elega ideo estas fari la printempan laboristan feston — festo de liberigita laboro!

En mallibero de kapitalismo sennoma laborulo, kreinto de ĉiuj trezoroj de l' tero, ne komprenis, ne povis kompreni la tutmondan, kulturan signifon de sia laboro.

Tiu nekompreno estas natura, ĉar laboro subjuga, laboro por aliuloj estas punlaboro, estas homa malbeno; sed nun, gekamaradoj, vi ĉiuj laboras pro vi kaj por vi, tion ne kompreni estas krimo.

La potenco estas en viaj manoj, kaj ĉion farotan por ĝia plifirmigo vi devas fari mem. Ĉio estas en viaj manoj, sekve por ĉio malbona, vin ĉirkaŭanta, respondas vi, sole vi.

Pri neniu vi povas plendi, de nenie vi povas atendi helpon. Ja besteca malamo de parazitoj estas ankoraŭ forto terura.

Sed ankoraŭ pli potenca forto estas libera, racia laboro de socialisto.

Ie, en mallumaj anguletoj, la araneoj penas fliki araneaĵon, disŝiritan de revolucia uragano. Sed ni devas scii kaj senti, ke nia malfacila, ĉiutaga laboro havas plej profundan signifon por la tuta mondo, ke ĉiu racia kaj honesta peno, direktita por la lukto kontraŭ detruiĝo, havas nun nekutime gravan sencon, plej grandan signifon.

Ĉu ni venkos, nenorman, senzorgan rilaton al la laboro, kiu estas inokulita en nian karnon kaj sangon per jarcentoj de sklaveco?

Ĉu ni povos superregi en ni mem la kontraŭstaron de besteca individuismo kaj egoismo per socialista konscio pri neceso de vireca obstina laboro?

Ĉi-demandojn treme starigas antaŭ ni la laboristoj de Eŭropo, Azio, Ameriko, la plej bonaj laboruloj de l' tuta mondo.

Nian vivon avide observas dekmilionoj da okuloj kaj, kvankam senaga, pasiva kunsento nemulte valoras, nemulton al ni donas, tamen ni kredu, ke tiuj, kiuj hodiaŭ nur kunsentas, morgaŭ komencos ageme kaj flame nin imiti.



C. MENNIER — Portlaboristo

Kamaradoj! Ĉio valora kaj racia, ĉio, pri kio la homoj rajtas fieri, estas kreita per scio kaj laboro. Ĉi simpla vero estas granda vero: ĝin ni devas ekkompreni, kiel la kredantoj komprenas sian preĝon.

Laboro kaj scio ĉion venkos: Scienco kaj laboro malligos la tutan penigan komplikaĵon de l' vivo.

Kaj se vi volas, ke la laboro estu facila, kaj la labortago estu tago de festo, ekscitu en vi mem kredon je krea forto de scio kaj laboro.

Gaje kaj vigle — al la laboro — ne ekzistas pli ĝusta vojo al feliĉo, ol la vojo de libera laboro!

El "Festo de 1a Majo" elrusigis *V. Lebedev (4696).*

# *LA UNUAMAJA HIMNO*

*V. KIRILOV*

*Estu laŭdata Unua de Majo,*
*Fest' de labor' kaj de l' ĉenoj forig'!*
*Estu glorata Unua de Majo,*
*Festo printempa de sklavliberig'!*

*Frataj, vestiĝu per festaj vestaĵoj,*
*Vojon plenigu per maro de flor',*
*Skuu aeron per kantoj kuraĝaj,*
*Ni ja postlasis centjarojn da plor'.*

*El la fabrikoj en verdajn arbarojn*
*Ĉiuj eliru por festa renkont'!*
*Marŝu de l' ter' plenpotenca mastraro,*
*Vi, proletaro, tra tuta la mond'!*

*Kantu pli laŭte! Altigu standardojn!*
*Gloru laborasocion de l' ter'!*
*Gloru per himnoj—kuraĝe marŝantojn*
*Vojon penigan de l' sanga sufer'!*

*Estu laŭdata Unua de Majo,*
*Fest' de labor' kaj de l' ĉenoj forig'!*
*Estu glorata Unua de Majo,*
*Festo printempa de sklavliberig'!*

*Ivanovo-Voznesensk, 22. Aprilo 1926* *Elrusigis A. BULIGIN*

# LA UNUA STANDARDO DE L'INTERNACIONALO

*ŜAĤNO EPSTEIN*

Muziko ludas; la standardoj flirtas; el la fenestroj, de sur la trotuaroj rigardas nin amemaj kaj mirigitaj vizaĝoj. Sonas aplaŭdoj, sonoras juna ridado. Venas renkonte al ni grupo de studentoj en uniformĉapoj, kun rozaj randoj, vestitaj per ruĝaj rubandoj ĉirkaŭ la brakoj. Ili salutas nin per laŭta ekkrio: "Vivu la Internacionalo" kaj aliĝas kun ni. La vicoj ĉiam pli kaj pli longiĝas. Ekkreskas subite vico de junulinoj, vestitaj en blankaĵo kun florkronoj sur la belkombita hararo. Homoj de plej diversaj nacioj kaj ĉiuspecaj emblemoj ekaperas el la



flankaj stratoj. Flirtas novaj standardoj, ludas nova muziko. La kantado ĉiam plilaŭtiĝas kaj forgesiĝas la mondo . . .

Lume, bonodore — ĉirkaŭe, kaj lume, bonodore — en la koro . . .

De antaŭe rigardante la marŝantojn en la gracia victreno, ŝajnas ke la fajra sunglobo de l'altа montaro sur ilin verŝis la purorajn radiojn por ilin disigi tra la mondo . . . Kiom da vivo, kiom da espero torentas el la solenaj vizaĝoj, kiom da kredo kaj kuraĝo!

Jen marŝas en la vico antaŭ ni germano kun griza kapharaоro kaj longa, blanka barbo — vera patriarkeca aspekto. Ĉe la manoj li tenas siajn du junajn filinojn. Fiere paŝas la patro kun la filinoj, kaj liaj okuloj brilas same kiel la iliaj. En la dua vico iras italianoj mezaĝaj, vestitaj en simplaj laboristaj kostumoj, kaj feliĉa rideto ŝvebas sur iliaj lipoj. En la tria vico sin tenas ĉe la manoj kvar grekoj, belaspektaj kun klasikaj vizaĝoj, esprimantaj profundkoran ekstazon. Ilin sekvas longa, longa vicaro, rusoj kaj judoj; estas videblaj eĉ japanoj, egiptianoj kaj turkoj en fezoj; poloj, ĉeĥoj, armenoj, kartveloj kaj bulgaroj miksiĝas kun francoj, hispanoj, amerikanoj kaj angloj. Ĉiuj plenĝojaj, kun vera ravo. Sama sento regas ĉiujn, la tutan apenaŭ videblan homamason . . .

Per unu fojo ekmutiĝis la muziko. Ĉesas la kantado. La standardoj haltas. Oni alvenis al la socialista "Popoldomo".

La marŝantoj kuniĝas en unu grandega amaso. Proksime staras unu ĉe la alia ion atendante kun respekto. Io eksterordinara devas tuj okazi. Ĉiuj sentas tion. Kaj ĉies okuloj estas turnitaj al la balkono, dekoraciita en purpur-ruĝo.

Ekaŭdiĝis tambur-frapado. Ĝin respondas la dua kaj la tria. Trumpeto akompanas ilin kun ĝoja sciigo. La amaso ekmurmuretas: „La



Standardo de l' unua Internacionalo!", kaj sur la balkono aperas maljunulo, blanka kiel kolombo. La dorso kurbita, la manoj tremas; kondukas lin du belaj junulinoj, en malpezaj blankaj vestaĵoj kun grandaj florgirlandoj surkape. La maljunulo tenas ruĝan standardon, tute novan, kudritan el orŝtofo. Plu ne tremas la manoj, en liaj okuloj brilas juneca fajro. Li ekflirtas la standardon, kaj ĉiuj standardoj leviĝas. La viroj svingas per la ĉapeloj, la virinoj per la tuketoj, kaj de ĉie, kvazaŭ sorĉe, eksonas ĥoro de miloj, miloj da voĉoj:

Leviĝu, en mizer' dronanta
Sklavar' malsata de la ter'!
Raci' nin vokas indignanta
Al mortbatalo pro l' liber'!

Diversaj lingvoj, dialektoj ĉi-tie miksiĝas kaj ĉiuj sonas kvazaŭ unu lingvo, kvazaŭ unu Radi-lingvo; en pliiganta harmonio estas kantata la himno de libereco, unuiganta la laborulojn de diversaj popoloj kaj landoj en unu grandegan kaj ĉarman familion, kaj unu tuthomaro estas vidata: la grandega amaso estas, laŭŝajne, unu mirgigantulo . . .

Por finlukto socia
Ni grupiĝu en rond',
Kaj la Internacio
Triumfu en tutmond'!

verŝiĝas la voĉoj de junuloj kaj maljunuloj kaj super iliaj kapoj flirtas la standardo de l' unua Internacionalo, salutanta la ceterajn kaj iliajn portantojn . . .

La maljunulo ĝin levas pli kaj pli alten, kaj ju pli fortiĝas la muziko, ju pli laŭtiĝas la kantado, des pli flamiĝas liaj okuloj.

Unu el la unuaj li estis, salutinta la standardon, kiam ĝi la unuan fojon ekflirtis super laboristaj kapoj. Li ĉeestis la unuan internacian

kongreson, staras li nun, kaj lia koro ĝuas la plezuron, ke la standardo kunigas ĉirkaŭ si tian belĉarman amason . . .

Ĝoj-larmo montriĝas en liaj maljunaj reviviĝintaj okuloj, kaj liaj lipoj tremas. La ĥoro silentiĝas momenton kaj ekaŭdiĝas la forta voĉo de la maljunulo:

Ne la cezar', nek dia volo
La savon portos de l' tiran', —
Liberon donos al popolo
Nur ĝia propra forta man'!

Lin respondas:

Por finlukto socia
Ni grupiĝu en rond',
Kaj la Internacio
Triumfu en tutmond'!

Ree silentiĝas kaj la maljunulo finkantas per ĉiuj fortoj:

Por ke pereu la rabuloj,
Por liberiĝu la spirit',
Varmegan feron la forĝuloj,
Ni forĝu mem sen intermit'!

La ĥoro kun la muziko respondas lin refoje kun la rekantaĵo, sed tiel forte kaj potence, ke ĉio, ĉirkaŭe, ŝajnas, skuiĝas, eĉ la klara, profunda ĉielo . . .

El juda lingvo tradukis *I. Jurysta.*

# UNUAMAJA KANTO

## IV. KALAJEV*)

*Iru ni are kuraĝe,*
*Luktu kun brava insist',*
*Vojon malfermu ni larĝe*
*Al la feliĉa ekzist'.*

*Por la popol' renaskiĝo,*
*Morto por la tirani',*
*Bono kaj reliberiĝo*
*Estas portataj de ni.*

*Torĉo de venko — la suno,*
*Sankta devizo — la ver'.*
*Krevos ruine maljuna*
*Ordo de la malliber'.*

*Baldaŭ vi, reĝoj-vampiroj,*
*Fugos de l' tron' al rifuĝ';*
*Vin la popolo altiru*
*Al la respondo en juĝ'.*

**) Ivan Kalajev estis rusa socialisto-teroristo, kiu en 1905 atencis kontraŭ la granda duko Sergio Aleksandroviĉ, tre reakcia general-gubernatoro de Moskvo, kaj mortigis lin. En la proceso Kalajev brave tenis sin kaj faris eksterordinare elokventan akuzparoladon kontraŭ la cara reĝimo. Li estis kondamnita al morto kaj ekzekutita. Kalajev restigis post si kelkajn revoluciajn poemojn, el kiuj la donata estas kantebla kiel "Fratoj, al sun', libereco".*

*Ankaŭ por vi, riĉularo,*
*Venos la vico en fin':*
*Tuta popolo ekstaros,*
*Pelos la reĝojn kaj vin.*

*Glor' al la grandaj ideoj!*
*Glor' al herooj sen tim'!...*
*Iru ni kiel armeo*
*Kontraŭ la juga reĝim'!...*

*Ĉiujn impostojn, katenojn,*
*Premon de l' juga labor',*
*Malliberejojn, kazernojn*
*Kune ekstermos ni for.*

*Kun la standardo purpura*
*Veron alportas ni — kaj*
*Trafas al keloj obskuraj*
*Lum' de l' unua de Maj'.*

*Iru kuraĝe ni are*
*Kontraŭ la regn' de l' perfort';*
*Ĉion sur ter' ni refaru,*
*Ĉion laŭ nova bonord'!...*

*El la rusa tradukis N. VLADIMIROVIĈ*

# LA DUA NIGRA UNUAMAJO

## ILI ESTIS SESDEK

*NENIU*

Matena krepusko. Ili staris popare en la malhela kvadrata korto, ĉirkaŭbarita per altaj plataj muroj. El la kvadrata konstruaĵo, staranta meze de la korto, mallumaj kraditaj fenestretoj oscedis laŭvice, unu super la alia, ĝis la trietaĝa alteco. Malgrandaj kaj kvadratformaj, ili aspektis kvazaŭ sennombraj truoj, difektintaj la senornaman konstruaĵon per preciza distanco, simitrio kaj grandeco. Ĉio estis nervige kvadrata — la domego, la fenestretoj, la pordegoj, la korto — ĉio dronis en senaspekta premiga grizeco — la tero, la nebuloza ĉielo, la plataj muroj kaj ankaŭ ili — ĉiuj sesdek. La regula kvadrateco, la senkolora grizeco, la senŝanĝeco kiel vampiroj sidis en la cerboj kaj spiritoj, elsuĉante la lastan sangoguton de la vigleco, forigante ĉiujn kolorojn, plastikon, bruon de la alternanta vivo — la gaja ĝojo.

En la domego sonadis muĝado simila al abeluja zumo, kies fragmentoj elaŭdiĝis al la korto, larĝe tremis unuige kaj unutone en la aero. La sonorilo jam delonge alarmis la vekotempon kaj ankaŭ ĝia lango aliĝis al la malviveco mortkvieta.

Senmove, silente ili staris, sin volvante en la flikozajn tolvestaĵojn, kies kruda teksaĵo tikle frotis la nudan haŭton kaj kies koloro ne estis difinebla — ĉu blanka, ĉu malpure flava iam ĝi estis? Pezaj lignoplandaj ŝuoj, kiel senformaj buloj pendis sur finoj de l' maldikaj kruroj, kovritaj per ĉifitaj pantalonaĉoj. Ofte ili ekmoviĝadis, kunfrapiĝis, aŭdigante raŭkajn sonojn — pro la ŝteliranta frumatena malvarmo, kiu dum la longa atendado penetris en la karnon ĝis la ostoj.

Armitaj gardistoj sin trenas, dormeme kaj lace, kun duondormantaj okuloj, ĉirkaŭ la trupo; el sub la ŝildoj de siaj helbluaj ĉapoj ili ĉirkaŭrigardadis la kvadratan korton, tusetas; murmure ili interrompas, se iu el la trupo iom pli laŭte alparolas la apudestaranton.

Kiuj formas la grizan trupon? Simplaj grandanimaj laboristoj, ne-



rimarkeblaj sklavoj, kies sola krimo estis, ke ili volis esti liberaj kaj batalis por liberigi ankaŭ siajn fratojn samsortajn. Ilin trafis katenoj, karcero, mallumaj ĉeloj, senkolora grizeco, la kruela sorto de l' venkitaj ribeluloj.

Ĉiumatene ili staris en la korto por iri al la laborejoj, troviĝantaj ekster la karcermuroj, ĉe la kontraŭa stratflanko. Ĉiumatene soldatoj alvenis el la proksima kazerno, barante la straton; inter du soldataj

falangoj ĉiumatene la grizuloj tramarŝis. Kaj la rapidantaj por labori laboristoj, haltigite ĉe la soldatvicoj, kolektiĝis, admiris la grizulojn — la ribelulojn. Ĉiam en la sama tempo kaj la samaj vizaĝoj. Ĉiumatene tri-kvar gardistoj duonlaŭte kalkulis: du, kvar, ses, ok ... Fininte la kalkuladon, ili interkomunikis la nombron: sesdek ... sesdek ... ses dek ... Se iu eraris el ili, la kalkulado rekomenciĝas: du, kvar, ses ...

Eksusuris en la vicoj. Apenaŭ kompreneblaj vortoj tremis aeren.

— La dua nigra Unuamajo nia ... — ekaŭdiĝis de ie.

La mienoj serioziĝis, la trajtoj malmildiĝis. Ĉies memoro revagadis al la pasinto, kiam libere kaj kantante, kun ruĝaj standardoj la giganta amasego, la ĝojkrianta proletaro festis la unuan revolucian unuamajon. En la mensoj klare halucinis la senfina serpentado de l'festena demonstrantaro, akordoj de l'entuziasmaj kantoj resonis el la dujara pasinto.

Kaj super la serena memoro pri tio ĉi kvazaŭ groteska mokfantomo ŝvebis la unua "nigra unuamajo". Ĉiu memorserĉadis en la kruela kaoso de l'renversita revolucio — kiu kaj kie suferis enkatene, pro sangantaj vundoj, bruldoloraj vipobatoj. — Kaj jen, en malpure grizaj tolvestaĵoj, ili staras en la karcerkorto, popare, ili — la sesdek el multaj samsortanoj.

La dua nigra unuamajo ...

La suno ridete levis sin, malrapide ŝovante sian purpuran vizaĝon super la altaj muregoj, eklumigis la malgajan trupon, la senamikece melankoliajn murojn kaj la konstruaĵojn.

— *Decidu!* ... *Decidu!* ... — eksursuris plurfoje en la vicoj, ondante ĝis la fino, kiel alfrapantaj ondoj ĉe bordo de malkvieta lago.

Knaris-la rustaj ĉarniroj de la pordego, tra kies konturo ekvidiĝis parto de la duvice starantaj bajonetoj senmovaj. Sur ili kokete lumbrilis la dancantaj sunradioj. La gardkomandisto gorĝtone komandis turnon — *dekstren!* — kaj la trupo ekmarŝis laŭ sia mallonga vojo en la pli libera sfero.

Avidaj rigardoj karesas laŭlonge la mallarĝan straton, la malnovajn domojn; sopire la rigardoj enfiksiĝas super la kadukaj tegmentoj al la malproksima lazura horizonto, de kie ridante invitas la sekreta bruetado de l'pulsanta vivo; profundaj ĝemoj rapide flugas al la amatuloj, al la suferantaj familioj, dum longa, longa tempo izolataj de ili; sed la trupon jam englutas la kontraŭflanka pordeto.

La soldatoj malaperis, la stratoj rericevis sian kutiman aspekton.

En la aero odoris la vekiĝanta printempo. En malgrandaj ĝardenetoj, en modestaj fenestretoj timeme ekfloris la ruĝaj burĝonoj de majrozoj, milde karesataj de la varma venteto.

Hodiaŭ estas la Unua de Majo, la dua nigra unuamajo. — *Decidu!* ...

En la uzinkorto ili dividiĝis je taĉmentoj laŭ laborejoj. Apud ĉiu taĉmento fervoris du gardistoj, rekomencante la kalkuladon: du, kvar, ses ...

Sonoris. La ordone akra tintado vokis al la laboro. Komandoj aŭdiĝis. La laborejaj pordoj malfermite atendis siajn sklavojn.

La grizuloj senmove staris, popare, dividitaj je taĉmentoj.

La komandoj resonis. Duafoje ... triafoje. La lipoj obstine kunpremiĝis; en la okuloj ekflamis fulmoj pasiaj; ili staris senmove.

En la aero malaŭdeble ŝvebis la elvoko: — *Decidu!* ...

Post la subita surpriziĝo la komandisto erupciis pro furioza kolero. Minacoj, blasfemoj siblis; pugnoj de l' gardistoj skuiĝis antaŭ iliaj vizaĝoj, malmilde sulkitaj per decidec-esprimo. Kelkaj gardistoj, kiel sanghundoj, dentgrincante proksimiĝis kaj perpafile puŝadis ilin — la malobeantojn. La manoj pugniĝis pro la sufokata ribelemo, sed firme, senmove ili staris, rigardante al la minacantoj.

— Persistu! Vivu la Unua de Majo! ... — akre tranĉis aeron la krio.

El sesdek gorĝoj vaste eksonis la akordoj de "Internacio".

Sonoris la alarmtelefono. Tenante enmane ŝargitajn pafilojn, soldatoj kurmarŝe alvenis.

La sesdek ekmarŝis reen al la karcero por festi la unuamajon en punkatenoj. En iliaj klaraj okuloj flagris mistera fajro. La revolucio vivas. La printempa vento alportis reviviĝon el la sveniga dormo. La varmaj sunradioj ekbrilis en la mensoj. La revolucia kantado de l' simplaj ribeluloj laŭte sonis inter la minacantaj bajonetoj. Sur la strato amase kolektiĝis la irantoj. Kelkaj el ili apenaŭ rimarkeble salutlevis la ĉapelojn ...

Tra la fermita fera pordego ankoraŭ ekaŭdiĝis fragmentoj de la melankolie malgaja melodio de proleta funebra kanto:

... *Vi ofte suferis en malliberej'* ...



# *NIA UNUAMAJO*

L. IVN

*"La unua tago de l' majo. Flugis printempa rido. Post mallonga pluveto eĉ brilas la suno. Ho, kiel bela la tero tuta. Kiajn dolĉajn vortojn mi aŭskultis hodiaŭ!? Ĉu ne estis nia Di-Sinjoro, kiu interparolis kun mi, kiu igis min tiel ĝoja, tiel sata, tiel senfine kontenta?..."*
*("Feliĉa...", SAT-ano 94.)*

*Kontentas ili, satas, gajon sentas,*
*Interparolas kun bonkora di',*
*Kaj nur pri solo ili ne konsentas,*
*Ke sur nubar' situas paradiz'.*

*Ĉi estas tie-ĉi kaj kaŝe ĝi profundas*
*en urba klako, en kampara grak',*
*en borsa halo, en bordela fundo*
*kaj en triumfo de "Lokarna pakt'".*

*Konsentas ni: la paradiz' aŭtenta*
*Surteras, jes, kun tuta ĝia ĉarm'.*
*Ne mankas eĉ anĝelo plenatenta*
*(Ĉe eniref') kun sabro de ĝendarm'.*

*Sed min ne logas paradizo tia,*
*Kaj ne al tia parazita gaj'*
*Direktas ni demonstracion nian*
*En hela tago de Unuamaj'.*

*En tiu tago proletar' tutmonda*
*Landlimajn trabojn ĵetas forte for.*
*Kaj uragana, ŝtorma, tromba ondo*
*ekstürmas bordon de burĝara ord'.*

*La ondo de solidareco proletara,*
*La ondo de revolucia klaskonsci',*
*La ondo maldiganta ĉiujn barojn*
*De religi', patrio kaj naci'!*

*Kaj tiu ondo alta kaj majesta*
*Plenigas nin je ĝojo kaj feliĉ'.*
*Ĉi estas pri la estontec' atesto,*
*Por nia venko estas ĝi kondiĉ'.*

# TRI FESTOJ

## UNUAMAJAJ REMEMORAĴOJ DE SOVETIANO

*R. NIKOLSKI*

Ĝoja, vivoplena knabo, mi ŝatis aŭskultadi rakontojn de mia onklo. Mi ŝatis ilin plejmulte por ilia realeco, por efektiva, sincera vivo, per kiu estis kolorigita ĉiu streketo de liaj rakontoj. Kaj plejmulte mi amis rakontojn pri revolucia laboro, pri "laboro en kelo" (kaŝita de polico), kiun mia onklo partoprenis de la plej juna, lernanta aĝo.

Finfine la onklo ekstreme ĝojigis min. Li promesis, ke li prenos min kun si por partopreni unuamajan festotagon. Mi kun nekaŝita ĝojo atendis la tagon, kiam mi vidos tiujn bravajn homojn — revoluciulojn, kiam mi vidos ruĝajn standardojn, ekaŭdos belegajn revoluciajn kantojn, pri kiuj mi jam tiom multe aŭdis de la onklo.

Tio ĉi estis en la jaro 1914.

*

Flustris standardoj kaj flagoj, tondris paroladoj, kantoj revoluciaj, batalemaj vokoj plenumis aeron. La tuta interarbara kampeto, kie okazis la mitingo, ŝajnis esti grandega teatro kun kelkmila ĉeestantaro.

Ĝojo, senbara, senlima!

Libero, jam tiom delonge atendita.

Sed ... kio? Ĉiuj tuj eksilentis, mil kapoj turniĝis al la arbarvojo. Tie, inter arboj, vidiĝis sennombraj rajdantaj homfiguroj en soldataj uniformoj.

— *Risju ... a-a-a-rŝ!* (Trote ... antaŭen!) — aŭdiĝis ies abomena voĉo, kaj la kozakoj (tiuj estis ili) laŭ komando de l'oficiro komencis ventsimile proksimiĝi al ni.

L'amaso ektremis, moviĝis ien, ekkuris. Komence mi kuris apud la onklo, poste mi perdis lin el okuloj, mi kuris kun ĉiuj, ploris kaj kriis. Jen mi denove ekvidis la onklon, mi volis ekkuri kun li, sed subite li falis kaj la saman minuton rajdanta kozako ekdancis per ĉevalpiedoj sur lia dorso, hakante per vipeto preterkurantojn.

Mi falis teren, sub iu arbo. Pli ol unu horon mi kuŝis en altkreska herbaro, eĉ ne sciante, ĉu finiĝis la sangoza festeno, ĉu ne. Finfine mi elrampis el mia kaŝejo, alrampis al la onklo ...

Li estis morta. Sur la abomenigita vizaĝo, sur malpurigita ĉemizo estis videblaj postrestaĵoj de ĉevalpiedaj hufoj.

— Por kio? Por kio? — demandis mia koro aeron. Kaj ŝajne folioj arbaj, mallaŭte flustrante, respondis al mi:

— Por libereco estonta.

Mil naŭcent deknaŭa jaro!

Neniu sovetiano forgesos tiun jaron. Fera mano de la malamik-



aro — burĝoj ĉirkaŭpremegis gorĝon de l' juna laborist-kamparana lando.

— La respubliko estas en fajra ringo! — kriis de sur la muroj multenombraj agitafiŝoj.

Ni sidis en tranĉeoj de batalfronto. Junaj kaj maljunaj, sanoplenaj kaj malsanaj, preskaŭ nudaj pro manko de vestaĵo, ni firme tenis en

la manoj ruĝan pafilon kaj anstataŭ forestinta pano ni satigis nin per batalvenkoj.

Alproksimiĝis tutmonda laborista festotago — 1-a de Majo. Antaŭtage ni lavis niajn pulvokovritajn kaj kotozigitajn korpojn en proksima rivero, ni ankaŭ lavis ĉifonigitan vestaĵon kaj purigis la pafilojn.

Tuj post kiam unuaj rozkoloraj signoj de l' aŭroro aperis sur horizontlinio, kelkmilvoĉa solena kantado aŭdiĝis el malpuraj tranĉeoj:

Leviĝu, en mizer' dronanta
Sklavar' malsata de la ter'...

Sonoj kreskis kaj naĝis tra aero kaj renkonten al ili el kontraŭaj tranĉeoj, la malamikaj, ekŝprucis pluvo da seninterrompa kanona, pafila kaj kugloĵetila pafado. Ni elrampis el la tranĉeoj kaj, ne ĉesante kanti Internacion sub mortportanta kugla pluvo, pomalmulte kurante, alproksimiĝadis al la malamikoj...

Alvenis vespero. Nia atako sukcesis. Ni forpelis la blankulojn post 20 kilometroj malantaŭen.

Tio ĉi estis nia donaco al la 1-a de Majo, donaco al la libero, jam estiĝanta.

*

Pasis ankoraŭ kvin jaroj. En januaro de 1924 nigra nubo kovris sovetian horizonton: mortis Lenin, kreinto de Soveta Respubliko, la plej grandega gvidanto, kies nomon kun sama estimo elparolas laboristoj kaj kamparanoj de l' tuta mondo, de l' nordo kaj okcidento, de l' oriento kaj sudo.

Tial dum unuamaja festado ĝojaj vizaĝoj estis kvazaŭ kovritaj per ĉagrena nubeto. Sed same susuris en aero la standardoj, bruegis muziko kaj junaj pioniroj per tuta brusto kriis: "Ni ĉiam estas pretaj."

Laboristaro komprenis:

Lenin mortis, sed ni ĉiuj, la kolektivo, devas anstataŭi lin. Ni nun vidas nek kozakan vipeton, nek soldatan kuglon, nek policanan bastonon. Ni nuligis ĉi-ĉion per batalo, al kiu Lenin alvokis nin. Laŭ lia alvoko ni perdis plej bonajn batalantojn dum estintaj luktoj, ni nudaj kaj malsataj, kantante Internacion, iris ataki, iris batali kaj venki por ĝi — la libero jam estanta!

# *1AN DE MAJO*

L. EBELING

*Jen tago de bona novaĵo por ni:*
*"Popoloj vekiĝas", ĝi diras al vi,*
*"Kaj prenas por si unu tagon!"*
*La klaso premita ne dormas plu, kaj*
*Ĉi festas solene l' unuan de Maj',*
*Kaj alten ĝi levas la flagon.*
*Estonto al ni,*
*En pli bona soci'.*
*Ĉar malgraŭ subpremo, suferoj kaj batoj*
*La venkon atingos verdruĝaj soldatoj.*

*L' unuan de Majo vekiĝas Natur',*
*Kaj estas por ni ĝi ĝojiga aŭgur'*
*De liberiĝonta Laboro.*
*La kap' ornamita per ruĝa ĉapel',*
*L' amaso labora marŝadas al ĉel',*
*Al celo vivanta en koro.*
*Frateĉ' inter ni,*
*En tutnova soci',*
*Ĉar malgraŭ subpremo, suferoj kaj batoj*
*La venkon atingos verdruĝaj soldatoj.*

*Kviete nun kuŝas havenurba kaj',*
*Ĉar estas hodiaŭ l' unua de Maj',*
*La tago de prova ribelo.*
*Lasita nun estas la fi-laborej',*
*La istoj sin formas je granda arme'*
*Dum ridas al ili ĉielo.*
*Libero al ni,*
*Tuta tero al ni,*
*Ĉar malgraŭ subpremo, suferoj kaj batoj*
*La venkon atingos verdruĝaj soldatoj.*

*Amsterdam* *(El "Internacia Socia Revuo", j. 1914)*

# LA PASTRO ESTIS KONTRAŬ...

## TRAVIVAĴO ANTAŬ 27 JAROJ

(Fragmento)

*C. HJ. P-N*

Por nia pastro multaj falsaj profetoj — la liberaj eklezioj — agadis, kaj ili havis lian tutan malamon. Sed tiu malamo tamen estis preskaŭ nula kompare kun la fanatika malamo, kiu okupis lin, kiam li estis eksciinta, kio okazis inter granda parto de la popolo.

Laŭ la opinio de la pastro la plej malbonmora kaj difektiga el ĉiuj movadoj atingis la urbon. Estis la movado, kies aŭtoro neniu alia povus esti ol la malbela diablo mem. La malfeliĉa popolo ne povis suspekti tion, sed la pastro je sia malĝojo devis konstati, ke granda parto de la homoj afable akceptis ĉi-movadon, kaj pro tio ĝi senhelpe estis perdita por la vera eklezio.

Revenigi tiujn, kiuj jam falis flanken de sur la ĝusta vojo, la pastro komprenis, ne estis eble, kiom da ŝvito kaj kiom da ploro li estus verŝinta; sed li tamen komprenis, ke li ŝuldis al sinjoro, kiun li servis per sia tuta vivo, per ĉiuj rimedoj provi gardi tiujn, kiuj ankoraŭ ne falis.

Precipe ni, knaboj, estis objekto de lia konstanta zorgemo, kiujn li kiel konfirminstruisto ĉiam gardis. Tiu ĉi nova teruriga movado, kiu havis la devizon "Libereco, Egaleco, Frateco", estis nenio alia ol insido, per kiu la diablo volis kapti la homojn kaj renversi ilin rekte malsupren en la inferon. Se ni, la junaj, ne estus nin gardintaj kontraŭ kontakto kun tiu ĉi malbono, certe la eterna kondamno nin atendos.

La suno radiis varme, malgraŭ ke estis nur la mezo de aprilo, promesante fruan someron. Ni knaboj nun komencis atendi la sopiratan 1-an de Majo, kiu ĉi-jaron estis okazonta en dimanĉo. Estis ne agrable pensi pri tio, ke ni ĉi-tagon estis devigotaj ĉeesti dum 2 horoj la predikon en la preĝejo. Sed ni kalkulis, ke se la diservo estos komencata je la 10-a antaŭtagmeze kaj finiĝos je la 12-a tagmeze, ni havus bonan tempon por povi rigardi la unuamajan demonstracion.

Brila unuamajo okazis. Ni kolektiĝis ekstere de la preĝejo momenton antaŭ la 10-a horo kaj interparolis vigle pri la ĝojo okazonta por ni post la fino de la diservo. Iuj el ni interkonsentis por poste renkontiĝi samloke ĝustatempe.

Nia pastro predikis pli elokvente, ol iam ni estis kutimintaj aŭdi lin. Fine la diservo finiĝis. Ni intencis iri eksteren tra la malgrandan pordon apud la sakristio, sed apud la pordo staris la pastro. "Je la 2-a horo posttagmeze vi revenos ĉi tien en la preĝejon", li ordonis kaj lasis nin pasi. Je la 2-a! Tiam la demonstrantoj kolektiĝos sur Malgranda Placo.

Ne kontentaj ni iris el la preĝejo. Mi haltis sur la trotuaro ĉe "stratangulo mia" kaj rigardis en la direkton kontraŭ Malgranda Placo. Ĝuste ĉi tie plurfoje antaŭe mi staris kaj per la rigardo kaptis la ruĝan standardon en la fronto, aŭ aŭskultis la unuajn sonojn de la tamburoj kaj la muzikon de la demonstracio. Sed hodiaŭ oni ŝtelis tiun ĉi ĝojon de mi, kaj la ŝtelisto estis — la pastro. Se mi malobeus . . .? Sed ne, mi ne kuraĝis spiti la pastron kaj ankaŭ ne miajn gepatrojn. Mi do devis bone toleri, ke la virbovo, la pastro, forŝtelu de mi mian unuamajan ĝojon.

Ni estis ree en la preĝejo. La pastro estis pli pala kaj serioza ol iam. Ni sidis silentaj kaj piaj dum duonhoro, sen ke la pastro entreprenis ion alian, ol iri antaŭen kaj reen sur la altara estrado. Liaj paŝoj eĥis en la granda navo. Sed subite li haltis kaj streĉe aŭskultis . . . Ankaŭ ni knaboj aŭskultis, sed ni nenion aŭdis. Minuto forpasis kaj ni preskaŭ ne spiris. Ni nun aŭdis malforte la frapojn sur la tamburoj, sed iom post iom atingis nin ankaŭ la instigaj sonoj de la muziko. Ni rigardis la pastron. Li estis pala kiel mortinto. Nun estis aŭdataj ne nur la muziko, sed la pasado de mil piedoj kaj tra la grizajn murojn de la preĝejo penetris la sonoj de "Fil' de l' labor'".

La pastro estis starinta kiel firmligita, sed nun li ekmoviĝis kaj ekparolis. Li etendis sian manon kontraŭ la placon kaj klarvideble timanta, ke la dika muro ne kapablus bari la terurigan vidaĵon, turnis li la kapon kun la vizaĝo ekscitita pro la plej profunda kolero. Sed estis sankta kolero, kiu povus egali tion, kion spertis la malnova profeto, kiam li de la monto malsupreniris kaj ekvidis la pekoplenan kaj defaligitan Izraelidaron. "Infanoj", li kriis, "se vi volus esti tie ekstere kune kun tiu ĉi maso! Ĉu vi scias, kien ĉi maso iras? Ĉu vi scias, kiu estas ties kondukanto? Jes, tiu estas antikristo. Aŭskultu la paŝadon de tiu ĉi ruĝa monstro! Estas la rabobesto, pri kiu estas skribita en la apokalipso de l' sankta Johano."

Tradukis el sveda lingvo *K. J.*

# LA UNUA DE MAJO EN SOVETIA LERNEJO

*E. SPIRIDOVIĈ*

La Unua de Majo, la festo de solidareco de l' proletaro tutmonda, okupas grandan kaj gravan lokon en programo de sovetia elementa lernejo: 1. La procedo de l' festo kaj preparo al ĝi donas serion da momentoj, havantaj gravan edukan signifon, precipe en la senco de

socipolitika edukado. 2. La temo "La Unua de Majo" estas studata en lernejo, kiel unu el temoj de l'kompleksa programo[1]).

Jam delonge antaŭ la festo, la lernantoj estas okupitaj per preparaj klopodoj. Ĥoro studas siajn kantnumerojn, dram-rondeto provludas enscenigaĵon, grupo pentrista preparas standardojn, afiŝojn, signal-dirojn, karikaturojn k. s., ĉiuj lernantoj kune laŭte proklamas unuamajajn signalvokojn aŭ studas kun certaj alternoj de voĉgrupoj ĥoran deklamadon. Ankaŭ estas granda laboro por individuaj prezentontoj kaj sportamatoroj.

Dum la tago de l' "Unuamajo" infanoj tre vivigas amasan laboristan demonstradon. Iliaj grupoj en diverskoloraj vestaĵoj estas disĵetitaj, kiel floroj, inter la grizaj laboristaj kolonoj, iliaj sonoraj voĉoj donas tute apartan nuancon al bruego de l'amasoj.

La ĥorojn de laboristoj, kantantaj malnovajn, trasuferitajn ankoraŭ antaŭ multaj jaroj, kantojn . . .

Oni nin tenis en ĉenoj,
Longe turmentis malsat'.
Pasis la temp' de malbenoj,
Sonas pri venĝ' horloĝbat'! . . .

. . . traŝiras infanaj signal-diroj, havantaj ioman sistemon. Jen, ekzemple, la historio de l'Unuamajo.

— En 1886 laboristoj de Chicago estis la unuaj, kiuj komencis lukton pro 8-hora labortago!

— La 1-an de Majo 1889 estis establita la internacia festo de la proletaro!

— La 1-an de Majo 1891 — lukto kontraŭ milito kaj armo!

— La 1-an de Majo 1899 laboristoj de Rusio komencis amasan lukton kontraŭ la carismo!

— La 1-an de Majo 1905 rusaj laboristoj jam provas unuan decidan batalon!

— La 1-an de Majo 1915 la II-a Internacio perfidis la laboristan klason!

— La 1-an de Majo 1917 la laboristoj solenas venkon kontraŭ la carismo!

---

[1]) La programoj de l'sovetia elementa lernejo konsistas ne el izolaj studofakoj (lingvo, matematiko, naturscienco, historio, geografio ktp.), sed el t. n. "kompleksoj", t. e. centraj temoj, dum kies pristudo la lernantoj ĉiuflanke konatiĝas kun iu objekto aŭ fenomeno prenita el la vivo; ĉiuj konoj estas akirataj dum tiu pristudo de l'kompleksoj. Iom similas al la sovetia "kompleksa sistemo" de instruado la germana "sinteza instruado" (Gesamtunterricht), la instruado laŭ ("centroj de intereso" centres d'intérêt), kiun oni praktikas en Belgio, en Francio kaj en Svisio, kaj la amerika "projekt-metodo" (Project-Method).

Franclingvanoj povas detale konatiĝi kun la novaj programoj de l'elementaj lernejoj en Sovet-Rusio laŭ la traduko eldonita de la Eduk-Laborista Internacio: Programmes officiels de l'Enseignement dans la République des Soviets. Paris. Editions de l'Internationale des Travailleurs de l'Enseignement — 33, rue de la Grange-aux-Belles. Prezo 3 fr. fr. — N. d. l. R.

— La 1-an de Majo 1918 la unua taĉmento de l'tutmonda proletaro festis venkon kontraŭ burĝaro!

La signal-diroj estas interrompataj per kantado de revoluciaj kantoj aŭ per ĥora deklamado. Estas rimarkata ankaŭ la laboro de l'junaj pentristoj: krom la standardoj oni vidas afiŝojn kun signal-vortoj, figuraĵojn de burĝoj, reĝoj, generaloj, eltranĉitajn el ligno aŭ kartono. Dum halto oni aŭskultas belartan rakonton, kiel oni festis la 1-an de Majo dum la carismo, kiam estis mobilizata polico, ĝendarmaro, spionaro. En alia loko oni ludprezentas la plej simplan enscenigaĵon.

La festado de l'Unuamajo sumigas la laboron de l'lernejo, edukanta novajn civitanojn. La vespera soleno en ĝi faras precipe tiun sumigon.

Por vespersoleno oni invitas la parencojn de l'infanoj, la laboristajn organizaĵojn, iel ligitajn kun la lernejo. Aktive partoprenas ĉiuj grupoj de l'lernantoj.

La programo de l'vespero estas ekzemple jena: 1. Referato pri la signifo de l'Unuamajo, aŭ parolgazeto, dediĉata al la festo. 2. Vivaj bildoj, malgranda teatraĵo. 3. Ĥora kaj individua kantado kaj deklamado. 4. Politikaj ludoj per la trastudita materialo (politikaj loterio, telefono, politikaj fantoj ktp.)[2]).

Krom la preparo kaj la festado de l'Unuamajo ĉiuj grupoj de la lernejo studas samtempe dum 1—2 semajnoj pri "1-a de Majo", kiel unu el temoj de la kompleksa programo.

La komencaj (pli junaj) grupoj studas la materialon laŭ legolibro. Poste oni konversadas pri la tralegito, la infanoj rakontas pri pasintjara festo de l'Unuamajo, parkere lernas versaĵojn, pentras afiŝojn, partoprenas porfestan ornamon de l'lernejo.

La 3-a kaj 4-a grupoj (10—11-jaraj) studas la temon per referatoj: "Kiel oni pasigis la feston de l'Unuamajo antaŭe kaj nuntempe?", "Kiel rilatas al la festo diversaj sociklasoj?", "Kiel oni festas la Unuamajon en aliaj landoj?", "La signifo de l'Unuamajo", "Komunista Internacio kaj Komunista Junularo". — La plej bonaj referatoj estas lokigataj en la majan numeron de l'grupa aŭ lerneja murgazeto.

La supera koncentro (12—14-jaraj) kunligas la feston de l'Unuamajo kun la situacio de l'laborista klaso kaj ĝia batalo kontraŭ kapitalistaro kaj ankaŭ kun historio de l'Internacio. La temoj por referatoj estas ekzemple jenaj: "La maja festo ĉe antikvaj popoloj", "Historio de l'Unuamaja festo", "La Unuamajo kaj la II-a Internacio", "Festado de l'Unuamajo en Rusio dum la carismo", "La Unuamajo de 1915", "La Unuamajo en USSR kaj en burĝaj ŝtatoj", "Komintern kaj Komunista Junular-Internacio". — La studo de l'temo estas ligata ankaŭ kun la preparo al la festo: estas eldonata murgazeto, oni preparas teatraĵon ktp.

---

[2]) Tre ŝatataj en Sovetio ludoj, utiligantaj diversajn politikajn materialojn por ekzameni sciojn de ludantoj.

Resumigo de l' festo ankaŭ donas al la lernejo materialon por laboro: la infanoj interŝanĝas per siaj impresoj, komparas la trapasigon de l' festo en sia urbo kun tiu en aliaj lokoj de USSR (pri kio ili ekscias el ĵurnaloj) ktp.

*

Dum la pasigo de l' festo en lernejo la plej ĉefa tasko estas — pli da aktiveco kaj memstareco de lernantoj — anoj de l' sovetia civito. La tuta procedo de l' preparado al la Unuamajo, la pristudo de la temo kaj la festo mem estas brilega esprimo de la esenco de l' sovetia lernejo, principe neanta eksterpolitikecon de lernejo kaj preparanta civitanojn, ne penante kaŝi, ke oni ilin preparas, kiel esprimontoj de l' idearo de sia klaso, de sia epoko kaj de sia lando.

(Laŭ materialoj de maja n-o (1925) de "Sovetia Klerigo" — ukrainlingva monata pedag. revuo.)

---

# SALUTON AL NOVA PIONIRO

NORBERT

*Ho, ho! Jen la demonstraci', —*
*Unuamaja tago.*
*Knabeto, ĉu kuniras ci?*
*Kun am' al ruĝa flago?*

*Knabet' kun burĝa edukad',*
*Bonkulturita bubo,*
*Kuniras ci, tra l' plena strat'*
*Kun ruĝfrontana trupo?*

*Ci, dorlotata de l' patrin',*
*En varma nest' flegita;*
*Ci, kun favora, ho, destin', —*
*Al ruĝa mas' ligita?*

*Ci, bub' kun karn' de rozkolor'*
*Kaj delikata haŭto,*
*Ci sekvas al ribelhumor'*
*Kun gestoj de aplaŭdo?*

*Ho mir', ho mir', surpriza bild'!*
*La forlogita knabo*
*Ne pensas pri l' patrina mild',*
*Ĉar Novo en la kapo.*

*"Fariĝu juna pionir'," —*
*Alkrias lin la bando.*
*Kunkantas kantojn li, ho mir',*
*La knabo — kunmarŝanto.*

*"He, enviciĝu, karulet',*
*Cin plaĉos nia lukto.*
*Kuraĝe venu, estu pret', —*
*Ekkreskos batalfrukto!*

*"Ne timu niajn vicojn ci,*
*Ho delikata birdo!*
*Bonakceptata ci ĉe ni,*
*Kun ĝoj', standarda flirto."*

*Unua maj', standarda ruĝ',*
*Kantanta junularo,*
*De l' homa mar' multonda muĝ,*
*Ribel' sen kontraŭstaro . . .*

*Enmeze marŝas la knabet'*
*Kun burĝa vest', molhaŭto,*
*Kun ĝoj-serena vizaĝet'*
*Kaj movoj de aplaŭdo.*

Ĉu vi komprenas, kamaradoj? Ĉu vi vidas tiun faktan forton de la laborularo? Ĉu vi ne intencas iom lerni el la Majo de 1926-a jaro?

La unua de Majo daŭras jam pli ol semajnon. Ni ne scias, kio estos, kiam aperos presitaj tiuj ĉi linioj. Ĉu daŭros la batalo, ĉu ĝi jam ĉesos . . .

Sed por ni klare estas, ke la tutmonda proletaro havas nun la okazon demonstri la alian flankon de l'Unuamajo — la internacian solidarecon de l'proletaro.

Tiu solidareco devas esti firma nun, kiam la striko daŭras, ĝi estas ne malpli necesa, kiam la striko finiĝos.

Sennaciuloj devas esti ekzemplo por manifesti tiun solidarecon internacian, eĉ pli — sennaciecan.

Kaj ni volas nur, ke tiu ĉi maja kajero de nia revuo instigu al la manifesto de l'solidareco, ĝin plifortigu . . .

Nia modesta donaco estas ĉi-kajero al la proletaro de tiu lando, kie nun klaso staras kontraŭ la klaso . . . *La Redakcio.*